# KULTURA SUPRENIRO

Ĉapitro el la prespreta kaj baldaŭ eldonota libro **„VENKO DE LA DEMOKRATIO“**, originale verkita de nia kunredaktoro s-ano **V. JULZARI.**

Ĉiu samideano, kiu tradukos en sian nacian lingvon kaj publikigos en nacilingva gazeto tiun ĉi artikolon, ricevos kiel premion la belan ĵus eldonitan broŝuron „Adriatika Temo“ de Miroslav Krleja.

**LA REDAKCIO**

La faŝismo — la plej terura malamiko de la kulturo — dum la tagoj de sia malŝatinda hegemonio kovris Bulgarion per nepenetrebla mallumo. Oni persekutis la liberan opinion, perversigis la artistan senton laŭ ŝovinisma kaj faŝisma maniero kaj subpremegis la popolajn kulturagantojn. Oni faris preskaŭ neebla la aliron de la popolo al la vera kulturo kaj nefalsigita scienco. Sennombraj limigoj ekzistis por la popolaj gefiloj, kiuj deziris atingi pli altan instruitecon por esti pli utilaj al sia Patrolando. Por subteni sian regadon, la faŝista diktaturo bezonis malklerajn civitanojn, pli facile teneblajn en subiĝo.

Kontraŭe, la popoldemokrata reĝimo bezonas klerajn civitanojn, ĉar ĝi fidas al la aktiveco kaj meminiciatemo de la amasoj. Tial, kune kun la almilito de la libero, oni donis vastan svingon al la longtempe subpremata aspiro al vera kultura vivo.

La vasta demokratigo de la klerigo estas la plej grava signo, kiu karakterizas la kulturan politikon de la popoldemokrata reĝimo de la Patrolanda Fronto en Bulgario. En la lernejojn oni altiris grandan nombron da popolaj gefiloj, kiuj antaŭe, pro la obskurantisma politiko de la faŝistaj regantoj, ne havis eblecon akiri la deziratan klerigon. La sekvantaj kompartabeletoj pri la nombro de la lerninstitucioj kaj pri la nombo de la lernantoj en ili dum 1944/45 kaj 1945/46 lernjaroj plej elokvente atestas pri la granda ŝanĝo, okazinta sur la kampo de la popola klerigado.

| Lerninstitucioj: | | Lernantoj: |
|---|---|---|
| | 1944—1945 | |
| Infanlernejoj . . . | 222 | 9.800 |
| Popollernejoj. . . | 5012 | 500.000 |
| Progimnazioj. . . | 2139 | 280.000 |
| Gimnazioj. . . . | 137 | 113.000 |
| Universitatoj. . . | 1 | 12.000 |
| | 1945—1946 | |
| Infanlernejoj . . . | 345 | 16.000 |
| Popollernejoj . . . | 5160 | 530.000 |
| Progimnazioj . . . | 2652 | 300.000 |
| Gimnazioj . . . . | 249 | 190.000 |
| Universitatoj . . . | 3 | 40.000 |

Estas rimarkinda precipe la granda nombrokresko de la gimnazioj kaj universitatoj, la aliro al kiuj dum la faŝista reĝimo estis treege malfacila.

En la nova bulgara lernejo estas enportita nova spirito kaj nova kompreno pri la instruado de la lernmaterialo. Estas enkondukitaj novaj lernedukaj metodoj. La celo de la instruado estas prepari estontajn civitanojn kun sana mondkoncepto kaj progresivaj ideoj, armitaj per solidaj konoj por la ekonomia kaj kultura konstruado de la Patrolando. El la lernejoj estas elpelita la faŝisma veneno kaj la ŝovinisma rabio, kiuj en la pasinteco transformis la lernejojn en domojn por plantado de la bestaĉa ideologio pri malamo al la slavoj kaj al la aliaj demokrataj kaj liberamaj popoloj. La rilatoj inter lernantoj kaj instruistoj estas penetritaj de spirito de konfido kaj kunlaboro en la instru-eduka laboro.

Kune kun la zorgoj pri la instruado kaj edukado de la junaj generacioj, la popoldemokrata reĝimo de la Patrolanda Fronto ne ŝparas klopodojn kaj rimedojn por kunhelpi tiujn plenaĝulojn, kiuj pro diversaj kaŭzoj ne havis la eblecon akiri elementan instruitecon aŭ deziras plivastigi la akiritan. Oni faras la necesan por likvidi la analfabetecon. Precipe laŭ iniciato de la sindikatoj kaj per la plena subteno de la registaraj organoj fondiĝas vesperlernejoj — progimnazioj kaj gimnazioj, en kiuj miloj kaj dekmiloj da lernemaj civitanoj akiras eblecon daŭrigi kaj absolvi sian klerigon.

La faŝismo estis junginta la kulturon kaj la arton serve al siaj reakciaj, kontraŭkulturaj kaj kontraŭpopolaj celoj. Tial en la faŝista ŝtato la arto estis fremda al la popolo, ne respegulis ĝian vivon kaj bezonojn. Likvidinte la faŝistan diktaturon, la popoldemokrata reĝimo de la Patrolanda Fronto disponigis la arton al la vastaj popolamasoj, restarigis la ligon inter si kaj ili. Oni kreas arton por la popolo, kaj ne ekskluzive por malmultnombra privilegiita kasto de la „artamantoj“. La sekvantaj faktoj pri la nombro de la kulturinstitucioj antaŭ kaj post la 9-a de Septembro 1944 estas karakterizaj pri la demokratiĝo de la kulturo kaj arto:

| | Antaŭ 9. IX. 44[1] | Post 9. IX. 44 |
|---|---|---|
| Muzeoj | 2 | 7 |
| Ŝtataj teatroj | 4 | 10 |
| Simfoniaj orkestroj | 2 | 6 |

Karakteriza trajto pri la kultura leviĝo en nuntempa demokrata Bulgario estas la amatoraj artkolektivoj. Ĝi estas rimarkinda fenomeno de la popola kreo-spirito. Tiajn kolektivojn oni pli kaj pli amase kreas precipe inter la junularo, ĉe diversaj kultursociaj organizacioj, ĉe la laboristaj sindikatoj en entreprenoj, oficejoj k. c. Mobilizante la kreofortojn de la popolo sur la kampo de la kulturo, tiuj ĉi kolektivoj fondas ĥorojn, teatro- kaj danctrupojn, konsistantajn ne el profesiaj artistoj, sed el amatoroj, kaj efektivigas amasan artistan agadon.

La popoldemokrata reĝimo de la Patrolanda Fronto malkovris nesupozitajn eblecojn pri popularigo de la progresiva movado de la kulruragantoj — la verkistoj. La longtempe prokrastata bezono pri progresiva scienca kaj arta literaturo jam estas kontentigata.

Dum la tagoj de la faŝisma reĝimo la antaŭenema verkisto vivadis en stato de konstanta malriĉeco kaj malsatado. Estis neeble elteni nur per la enspezoj de literatura laboro. Por ne morti pro malsato, la verkistoj devis ekzerci ankaŭ iun alian profesion. La literaturaj kaj sciencaj revuoj mizere ekzistadis kun 700—1000 abonantoj. Oni konsideris kiel grandan sukceson la eldonon kaj disvendon de iu libro en 3000 ekz. Ĉe la nova demokrata reĝimo de la Patrolanda Fronto, ordinara eldonkvanto de la revuoj estas 10,000 ekz. kaj la meza eldonkvanto de la libroj estas 10,000—15,000 ekz.

Samtempe kun la leviĝo de la digo, kiu retenis la spiritajn popolfortojn, nun komenciĝas larĝa kulturagado de la liberiĝintaj elsub la faŝista jugo amasoj. Tiu ĉi komenciĝo donas helajn esperojn, ke kune kun la pliboniĝado de sia materiala stato, la bulgara popolo ĉiam pli kaj pli altigos sian kulturan nivelon kaj ke baldaŭ ĝi okupos sian indan lokon inter la progresivaj kaj demokrataj popoloj, kun kiuj ĝi deziras subteni plej intimajn ligojn por kunlaborado kaj interŝanĝo de sperto sur la kultura kampo.

[1] 9. IX. 1944 — la dato kiam en Bulgario establiĝis la demokrata reĝimo.

# Hungara liberecmilito kontraŭ la faŝismo

## EL LA BATALOJ DE LA HUNGARAJ PARTIZANOJ

La hungara partizanmovado — kiu pruvas de jarcentoj la vivovolon, liberecdeziron kaj sendependecsopiron de la hungara popolo — radikas forte en la hungara historio. La habsburgaj aŭstrogermanaj militestroj rajte plendis dum la bataloj kontraŭ Rákószi, ke la hungaroj laŭ partizanmetodoj luktas kontraŭ la tiraneco. Jen citaĵo el tia generala raporto: „Estas pena la militado sur teritorio, kie sur ĉiu vojeto faligilo, en ĉiu arbusto ferforko, hakilo atendas la soldatojn de Lia Imperiestra Moŝto, kie la lace ekdorminta oficiro ekvekiĝas, ĉar la domo brulas super lia kapo." En 1849 la aŭstra generalo anoncis al la imperiestro: „La kanonoj de Kossuth ne domaĝas tiom al ni, kiom la rektigitaj falĉiloj de la popolo de la vilaĝoj kaj stepoj. La falĉilo estas nia vera malamiko." Al tiu falĉilo kaj ferforko povas danki Hungario, ke eĉ post kvarcentjara penado la germana konkermilito ne povis ekstermi la hungaran popolon. La soldatojn de la libereco povis venki la pli granda imperiestra armeo, sed la partizanbatalantan popolon neniam. La hungara vilaĝano montris en malproksimaj teritorioj, ke li estas taŭga por gvidi partizanmiliton. Pli ol centmil hungaroj batalis en la Ruĝa armeo kaj inter la rusaj partizanoj en 1918—1919. Post 15—16 jaroj ni renkontas ilin en Hispanio.

En la dua mondmilito Hungario sangis por fremdaj interesoj, por interesoj de la pramalamikoj de la hungararo. La hungara popolo komprenis nur iom post iom la veran celon kaj signifon de tiu milito, en kiu ĝin perforte trenis la perfidantaj estroj de la lando, kiam ĝi devis po centmile morti en Ukrainio, apud Don kaj en Galicio. Oni povus pensi, ke la hungara popolo tion toleris sen kontraŭstaro. Sed kiam oni volis uzi ilin kontraŭ vilaĝoj kaj rusaj partizanoj, miloj el la hungaraj soldatoj trovis tion humiliga por si kaj anstataŭ ekstermi sendefendajn vilaĝojn, ili trovis rilatojn kun la ukrainaj kaj rusaj partizanoj. Senskriba konvencio inter hungaroj kaj partizanoj kaŭzis multloke, ke la hungaraj soldatoj ne malhelpis la partizanojn por detrui la germanajn magazenojn kaj transportojn. Poste la hungaroj kelkloke eĉ donis municion al la partizanoj. En la arbaro de Brjansk jam en 1942 batalis hungaraj soldatoj ĉe la flanko de la rusaj partizanoj. Ankaŭ el la militkaptitoj multaj aliĝis al la sovjetaj trupoj por batali en la Karpatoj.

Simila kontraŭstaro estis organizita en Budapest kaj en aliaj partoj de la lando. La fortega germana policistaro kaj la fama Gestapo kun ties hungaraj fiservistoj jam en 1942 enkarcerigis 80% de la partoprenantoj en la kontraŭstara movado. Nur en 1944 ĝi povis denove aktive eklabori kaj komencis, kvankam malforte kaj senhelpe, armilan batalon kontraŭ la germanaj okupantoj kaj la ilin servantaj hungaraj faŝistoj. En Septembro 1944 junula grupo ĵetis mangrenadojn en la kazernon de germana SS, poste en alia urbparto germanaj soldataŭtoj ekbrulis jen tie, jen ĉi tie. La 6-an de Oktobro oni eksplodigis la monumenton de la unua hungara faŝisto Gömbös. Sukcesis ruinigo de fervojlinio apud Budapest kaj eksplodigo de germanaj fersubteraĵoj. Post multaj atakoj Gestapo kaptis en Januaro 1945 unu partizangrupon, sed malgraŭ teruraj suferigoj ne povis ion gravan ekscii de ĝi. En la liberigaj bataloj por Buda luktis 2000 hungaraj soldatoj en la kadro de la Ruĝa armeo, el kiuj 600 perdis sian vivon. En antaŭurbo grupo sukcese malhelpis eksplodigon de akvoturo kaj tiamaniere savis la akvoservadon de fabrikurbo. Aliloke faŝista sidejo estis eksplodigita kaj 50 „sagkrucanoj" mortis tie.

Simile aliaj trupoj partoprenis en la slovaka partizanbatalo, kaj de tiu flanko ili atakis la hungaran teritorion, ie en dutaga batalo eĉ devigante ŝanĝi la marŝplanon de la germanoj. Aliaj kune batalis kun rutenoj (hungaraj ukrainanoj) kontraŭ la germanoj. En Rusio hungaran partizantaĉmenton persekutis 14 germanaj divizioj senrezulte. En Jugoslavio batalis la „Petöfi" brigado inter la soldatoj de Tito; ĝi venis al Hungario por helpi la liberecbatalon kontraŭ la germana tiraneco. Ĝiaj sukcesoj estas rekonitaj, ĝi eĉ povis atake persekuti germanajn trupojn. Certe tiuj ĉi bataloj komunaj, la kune verŝita sango plifortigos la fratecon de la popoloj en la Danuba valo! Laste ni devas mencii, sed ne kiel lastajn, la hungarojn, kiuj batalis en la kontraŭstara movado en Francio. La nomo de unu el ili estas memorigita sur franca aeroplano, donaco de la francaj hungaroj al la nova franca armeo. Al ĉiuj tiuj herooj povas danki la hungara popolo, ke ĝi staras nun honore antaŭ la nacioj de la tuta mondo kaj rajte estas membro en la granda familio de la liberecamantaj popoloj de la mondo.

*Libera Hungaro*



Motivo el Istrio: urbeto Bale

# Ni diskonigu la veron kaj la progreseman sciencon

Ĉar ni opinias, ke unu el la ĉefaj taskoj de la esperantistaj verkistoj estas diskonigi ĝuste nur tion, kio konkordas kun la vero kaj la scienco — tiu scienco, kiu devas esti en la servo de la vastaj popolamasoj — ni klopodos laŭmerite respondi al la artikolo „Ĉu eble ekzistas malpligravigaj cirkonstancoj?", verkita de helena samideano, D-ro Anakreon Stamatiadis (Helena Esperantisto, № 139—140, Majo—Aŭgusto 1946).

Ekirante de falsaj scienceteoriaj fundamentoj, la aŭtoro alvenas al la vidpunkto tute kontraŭa je progresemaj ideoj determinismaj[1] koncernante la socian vivon. Li traktas pri la fatala perioda reveno de samaj fenomenoj sur la tero, kies vivo ritma kaj movo, sub influo de la animitaj astroj, reflektiĝas sur nin. La fortaj influoj de la ĉielaj fenomenoj ekscitas supermezure la homaron kaj tiel komenciĝas katastrofoj. La militeksplodo kaj la sekvantaj nehumanaj kruelaĵoj estas rezultatoj de tera kaj ekstertera influoj sur la naciojn de la eksakso, kiuj do eble ne estas tiel kulpaj kiel unuavide ŝajnas esti. Juĝante la faŝistojn, oni ne subtaksu la grandajn sunmakulojn kaj la supérkosmajn influojn kaj tiel, konkludas la aŭtoro, povas esti asertataj malpligravigaj cirkonstancoj.

La scienco nin instruas rigardi ĉiun fenomenon en la tujapuda koneksa interligo kun la monda fenomenologio kaj la nedeterminismo malaperas, se oni studas statistike, ne la apartaĵon — la objekton en si mem — sed la kunaĵon, la grupon. Ekzistas unueca realaĵo de organa kaj neorgana estaĵoj; la kombinaĵo de atomoj kaj vivaj ĉeloj, formantaj la organismon — same kiel la individuoj formantaj la homan socion — ne estas simpla sumigo—agregato, sed nova specifa sintezo, nereduktebla je propraĵoj de la komponantaj elementoj. La homa vivo kaj pensado, same kiel la ekstera mondo, estas submetataj al leĝoj plej ĝeneralaj de la universa evoluado kaj movo per kontrasta interfrapo de la kontradikcioj[2], el kiuj naskiĝas sintezo, nova estado. Per akumulado de senfine etaj, por ni nesenteblaj kvantaj ŝanĝoj, ekaperas subite novaj aspektoj senteblaj, kvalitaj transformoj. La fenomenoj en la natura kaj en la socia historio ne revenas en la sama maniero kaj oni ne povas paroli pri perioda vibra formo de la energio, sen konsidero de la relativaj maso kaj rapideco, de la variaj aspektoj interkompletigaj de la materio.

La socia vivo disvolviĝis kaj progresis ne pro supernaturaj kaŭzoj, sed pro tio, ke la homoj staras en sociaj rilatoj, pli fortaj ol la individua volo. Nur per homara kooperado, kunlaborado — fizika kaj spirita — la labordividado ebligis la perfektigon de produktrimedoj, de la sciencaj serĉadiloj kaj de la pensmaniero de la homoj. Per solidareco kaj kunlaborado, la homaro sukcesis regi la naturon kaj lukti kontraŭ la kosmaj malfavoraj influoj.

La katastrofoj okazis ĝis nun ne pro ĉielaj kaŭzoj, sed pro tio, ke la anarkia produktado kaj monkreditsistemo regis la homojn, anstataŭ ke la vivkondiĉoj estu sub la estrado kaj kontrolo vere demokrataj. La homaro sentas nun la nepran neceson de la solidareco, de la sinteza unuiĝo, kiu devas konduki al tiu celo, ke la homoj fariĝu mastroj de sia socia vivo, per forigo de ĉiu ajn individuo kontraŭstaranta al paco kaj progreso homara.

La krimo de la faŝistoj estis, ke ili volis lukti kontraŭ ĉi tiu universalismo, kontraŭ la solidareco tutmonda, malkonsiderante ĉion, kio estis ligita al la normala evoluado de l' mondo. Ili ne agis senkonscie; ili konscie fabrikadis municiojn kaj kanonojn, — sisteme preparis la barbarismon, — ne dum aŭ sub la influoj de sunmakuloj.

Dum la Nürnberga proceso oni kolektis sufiĉan materialon, pruvantan la rolon, kiun la germanaj industrimagnatoj ludis en la enkonduko de la hitlera regno kaj en la militeksplodigo. Procesoj en aliaj landoj cetere pruvis la kulpon de ĉiamaj reakciuloj, de la komitatanoj de la „forĝaj" grandindustrio kaj grandfinanco[1]. Kontraŭ ĉi ties influoj kaj incitoj, la demokrataj partioj staris disigitaj, nesolidaraj kaj la faŝista propagando kaj agado sukcesis mistifiki kredemulojn kaj interesiĝulojn apartenantajn al nacioj de la eksakso, per ia popola spirito, rasa supereco, kaŝinta la plej kruelan barbarismon.

En sia antaŭenmarŝo kontraŭ ĉiu universala kaj internacia principo, la faŝistoj ne kapablis antaŭvidi, ke la fortostreĉoj de la unuiĝintaj nacioj ilin venkos, — ke grandaj demokrataj popoloj — kiuj interalie enkondukus „cerban truston" kontraŭ la potenculaj trustoj — interkompreniĝos kun alia grandioza popolo — la sovjeta — kies klopodoj sciencaj kaj kulturaj estas ne nur laŭ sia formo, sed ankaŭ laŭ sia esenco demokrataj. Kiam temis pri savo de l' homara civilizacio, la ĉinaj muroj inter la du mondoj disfalis kaj nun ni povas firme kredi je ĉi tiu realaĵo: ke la rimedoj, kiuj kondukis al venko kontraŭ la faŝismo, restos ĉe la bazo de homara paco kaj progreso.

Per akcepto de malpligravigaj cirkonstancoj por faŝistoj, vanaj estus la homaraj klopodoj kontraŭ ekapero de nova faŝismo kaj nova milito. Jen kial, por atingo de nia celo, ni devas diskonigi la veron entenatan en la progresema scienco.

*J. D. Petrin*, Bukureŝto

[1] Determinismo — instruo pri la necesa reala konekso (interligo) de ĉiuj natur- kaj socifenomenoj. Ĝi estas fundamento de la scienca konado.

[2] Kontradikcio — kontraŭdiraĵo.

[1] „Comité des Forges de France" — organizaĵo de posedantoj de metalurgiaj grandentreprenoj, kun malkaŝe militarisma karaktero.

## MALGRANDAJ SCIIGOJ EL LA TUTMONDA EKONOMIO

### POLLANDO

Nova Pollando grave progresas en la ŝtonkarba produktado kaj en la transporto. La produktado de elektroenergio jam superas la antaŭmilitan nivelon, sed tiu de fererco, tekstilŝtofoj, ŝuledo, papero kaj kemiaĵoj restas ĉiam nesufiĉa.

### BULGARIO

La nova popolrespublika projekto de konstitucio antaŭvidas planadon de la nacia ekonomio.

### ĈEĤOSLOVAKIO

Estas ellaborita 2-jara plano. Laŭ la programo de la registaro, la kapacito de la industria produktado kaj de la ekstera komerco en 1948 superos la nivelon de antaŭ la milito (1939).

### FRANCIO

La preparita eksportplano antaŭvidas, ke 90 % de la produktado de ĉampano estu elportataj; la lignoindustrio devos sekurigi 31 % de la tuta eksporto kaj la tekstila kaj ŝtalindustrio — 21 %.

# SOCIETO „KULTURO" EN PLOVDIV DONIS PLI OL 10 KARAJN VIKTIMOJN!

De 1941, kiam la invadanta germana faŝismo komencis malkaŝe subigi la Balkanan duoninsulon kaj speciale nian landon, la bulgara popolo sin levis por kruela batalo kontraŭ tiuj sangavidaj, profesiaj rabistoj. Despli peza estis la batalo de nia popolo, ĉar en nia lando regis la kortega marioneta registaro de Filov—Boĵilov.

La batalo kontraŭ la faŝismo transiris al pli alta grado, kiam la germanaj rabistoj invadis interne en la riĉajn kaj fruktodonajn teritoriojn de la pacama Sovjet-Unio, kaj per tio minacis la sendependecon de ĉiu liberama popolo en la mondo.

En tiu ĉi sanga batalo nia lando donis karajn viktimojn — milojn da sindonemaj popolaj gefiloj. Nur nia Esperanto-societo „Kulturo" en Plovdiv, dum tiuj jaroj donis dekojn da aktivaj batalantoj kontraŭ la faŝismo, kiel partizanoj kaj agantoj en la movado de la rezistado. Unuj el ili ĝisvivis la popolan venkon de 9-a de Septembro 1944, kaj revenis hejmen por daŭrigi la pacan bataladon por kulturo kaj ekonomia prospero de nia patrolando, tamen aliaj, pli ol dek, falis sur la batalkampo, kaj per sia abunde verŝita sango ligis nian movadon tiel forte al nia popolo kaj al la bulgara socia vivo, ke neniu forto nun povas bari al ni la vojon plenumi modeste nian devon por la rekonstruado de demokrata Bulgario de la Patrolanda Fronto.

Nun ni funebras, pro la pereintaj samideanoj, aliflanke tamen ni fieras pri ilia morto pro dece plenumita devo al la homaro.

Jen estas tiuj ĉi meritplenaj herooj, membroj de la Esperanto-sociato „Kulturo" en Plovdiv:

**PARTIZANOJ PEREINTAJ SUR LA BATALKAMPO**

1. ***Rajĉo D. Kirkov*** (Cvetko). Specialan biografion pri li ni publikigos en unu el la kajeroj de „Internacia Kulturo".
2. ***Kosta At. Aleksandrov*** (partizana nomo Koĵuh), 33-jara, ĉefo de la taĉmento „P. Ĉengelov", pereinta la 30-an de Julio 1943. Ĉirkaŭite de centfoje pli forta kaj bone armita malamiko, post naŭhora batalo, li kun aliaj dek partizanoj mirigis eĉ la malamikojn per sia heroeco.
3. ***Ivan Atanasov Filev*** (Spartak) 23-jara, vicestro de brigado „Anton Ivanov", pereinta la 28. II. 1944.
4. ***Cvetan G. Cvetanov*** (Saŝo), 22-jara, taĉmentestro. Pereis 5. III. 1944.
5. ***Kiril K. Tomov*** (Viktor) 24-jara vicestro de brigado „Georgi Dimitrov". Pereinta 15. VI. 1944.
6. ***Spiro Iv. Veselinov*** (Marin) 22-jara, partizano. Plej gaja kaj bonhumora ano de nia societo. Pereinta 31. VI. 1944.
7. ***Stojan G. Ŝiŝkov***, 20-jara, partizano de la taĉmento „P. Ĉengelov". Pereis 30. VI. 1943.
8. ***Vasil At. Kirjakov*** (Vanjo), 21-jara, partizano. Pereinta 3.III. 1944.

**ALIAJ KONTRAŬFAŜISTOJ**

9. ***Todor Sofroniev***, 32-jara. Arestita la 12. V. 1944 kaj mortigita la 30. V. 1944.
10. ***Vlado G. Cvetanov*** (Vladko), 20-jara. Arestita la 12. IV. 1944 kaj post dumonata nehoma turmentado, por ke li diru la ligojn kiujn li havis kun la partizanoj, mortigita sen ke oni povis eligi eĉ vorton el lia buŝo.
11. ***Nikola Janev Genkov*** — 50-jara. Arestita la 27. VIII. 1944 kaj mortigita post tri tagoj, pro donita nutraĵo al partizanoj.

Per sia morto kaj ekzemplo ili testamentis al ni postrestintoj ĵaluze gardi la akiritan liberon.

Esperanto-societo „KULTURO"—Plovdiv



Bronka Gjurova — Vilaĝa unutoneco

## ANONCETOJ



## BIBLIOGRAFIO

Fáy András! *Elektitaj fabeloj.* Luksa eldono. Dukolora preso sur 32 malgrandaj girlanditaj paĝoj. Prezo: 160 levoj aŭ 4 intern. respondkuponoj. La sendkosto enestas en la prezo. Eldonis Szalay, Esperanta Libroeldonejo Budapest, VIII. Esperanto-strato 39.

La verko ĵus pretiĝis por ekspedado je la eksplodo de la dua mondmilito kaj tial la firmao nur nun povas transdoni tiujn ĉi perlojn de la hungara fablisto al la tutmonda esperantistaro.

Fakte la libreto enhavas ne fabelojn, sed f a b l o j n.

# Ni recenzas

### KANTANTE ANTAŬEN

En malfacilaj dummilitaj cirkonstancoj (1941) Centra Dana Esperantista Ligo eldonis novan kantaron, ampleksantan tekstojn de 136 kantoj.

Laŭ nacia aparteno de la kantoj, tiu ĉi bukedo-kantaro estas vere internacia, ĉar preskaŭ duono de la kantoj estas verkitaj en Esperanto kaj alia duono estas tradukitaj el 20 lingvoj (dana 33 kantoj, germana 10 kantoj k. t. p.).

La originalaj kantoj reprezentas viglajn kuraĝigajn Esperanto-poemojn, profetantajn la venontan „brilan estontecon", kiam Esperanto kaj ĝia „interna ideo" estos efektivigotaj en la socia vivo de la homaro.

Jam en malnova konata „Tagiĝo" kiel marŝe sonas kaj vigligas la kanto de A. Grabovski:

„Agordu la brustojn, ho nia fratar'<br>por nova pli vigla jam kanto;<br>ĝi sonu potence de montoj al mar',<br>anoncu al ĉiu dormanto:<br>Tagiĝo, tagiĝo radias en rond',<br>la ombroj de l' nokto forkuras<br>el mond'.

Jen ankaŭ la esperoj kaj la kredo de Teo Jung:

„Iam brila tag' naskiĝos:<br>venke nia ag' kroniĝos;<br>sin komprenos la homaro<br>kaj kunvenos ĉe altaro<br>de tutmonda ĵamboreo<br>manifesti<br>kune festi<br>la triumfon de l' Ideo".<br>(El „Super ĉio la Ideo")

Tiu ĉi romantika humoro de la poemoj iufoje montras naivecon, sed pro ilia rekonita historia signifo en la unua pionira periodo de la Esperanto-movado, ilia represo estas pravigata.

El la tradukitaj kantoj estas kelkaj klasikaj mondkonataj perloj (Lorelei, La Tilio, Rozeto en Herbejo k. a.), multaj aliaj estas belegaj popolkantoj kaj fine aliaj estas malplivaloraj, religiaj kaj ceteraj.

Ĝenerale la kantaro estas bona kaj posedinda libreto, se eĉ entenanta nur tekstojn de la kantoj. La melodioj, laŭ promeso de la redaktintoj, aperos en aparta volumeto.

*Canko Murgin*

*Palestino:*

## Petrolo kaj Politiko

Palestino kaj la Proksima Oriento, kiuj dum centoj da jaroj kuŝis en letargio kun orientaj sonĝoj de paradizo, fariĝis nun mondproblemo kaj ĝi povus esti danĝero por la tuta homaro, se la progresiva mondo ne kontraŭstarus, por eviti la danĝeron.

Kiam la mondreakciuloj perdis sian influon ĉe la popoloj en Eŭropo en la regiono de la rumanaj petrolfontoj kaj preter la limoj de Rusio, ili komencis gajni la influon de arabaj landoj en la Proksima Oriento, kiuj havas petrolfontojn kaj limiĝas kun Rusio.

La grandaj amasoj en la Proksima Oriento vivas en teruraj, malhomaj kondiĉoj. La arabaj registaroj, timante eksteran progresivan influon, donis sian manon al la mondreakcio; tiamaniere ĉiuj arabaj landoj fariĝis instrumento en la mano de la mondreakcio kontraŭ la nova demokrata mondo.

Palestino estas la mezpunkto de intrigoj kaj de reakcia interveno en Oriento. Unue, en Palestino loĝas du popoloj kaj estas facile uzi la malnovan metodon de brita imperiismo: regi ambaŭ, incitante la malamon de unu nacio kontraŭ la alia. Due, en Palestino la juda popolo konstruas sian novan hejmon sur bazoj socia kaj progresiva kaj en la nuna tempo la judoj en Palestino jam estas tre grava progresiva faktoro en la Proksima Oriento. Sendube en eventuala estonta konflikto de la mondreakcio kontraŭ Sovjet-Rusio, la juda faktoro starus sur la fronto de la defendantoj de Rusio kaj de la tuta cetera pacama progresema mondo.

Do, la brita imperiismo, timante la progresivan demokratan evoluon en la Proksima Oriento, volas malhelpi la ĝustlinian disvolviĝon de la juda popolo en Palestino.

Sendube, se la tragedio de Palestino dependus nur de judoj kaj araboj, ili jam delonge solvus la problemon, sed tio estas la tragedio, ke tria nedezirata faktoro en Palestino regas per intrigoj inter la du popoloj.

La sola solvo estas la kontraŭstaro de la vastaj amasoj en la Proksima Oriento kontraŭ ĉiuj reakciulaj intrigoj.

Sed plej grave estas, ke ĉiuj popoloj en la mondo postulu transdoni la Palestinan problemon al UNO. *Eliezer Wurzel,* Haifa

*Hungario:*

## Sciigoj el la Esperanto-vivo

En la budapesta parlamento deputito *Stefano Csurgai,* vicprez. de HES, kaj fakdel. de IEL interpelaciis (faris demandon), ĉu la ministro de instruado enkondukos la instruadon de Esperanto en kelkaj lernejoj. La respondo estis negativa. Dumtempe ministeria ordono permesis la instruadon en unu instruista seminario, kie anonciĝis 30 lernantoj. Okazas kurso — pagita de la ŝtato — ankaŭ en gimnazio, kiun gvidas prof. *A. Pechan,* IEL fakdel. En la parlamento por oficistoj gvidas kurson prof. *L. Kokény.* Ankaŭ en la agrikultura ministerio estas malgranda kurso. S-ro Csurgai, kiu partoprenis kun ŝtata subvencio la nederlandan Esperanto-kongreson, faris pri tio tre interesan paroladon en HES kunveno kaj poste parolis pri sia vojaĝo — ofte menciante ankaŭ Esperanton — en la radio. La radio ankaŭ konigis sciigon, ke en urbo Szombathely komenciĝis vigla Esp. vivo. La grupo de la Sovjet-Hungara Kultursocieto en urbeto Budafok aranĝis pro klopodegoj de fakdel. *S. Kassai* kunvenon pri Esperanto, kie parolis s-noj *Baghi, Balkányi, Bleier* kaj *Kökény.* Oni akceptis proponon uzi Esperanton — se estas ebleco — por fari kulturinterrilatojn kun la popoloj en Ruslando.

Kun morala helpo de la Hungaraj Ŝtatfervojoj sukcese propagandas s-no *L. Korsós* ĉe fervojistoj, el kiuj 4000 interesiĝis pri Esperanto.

En kadro de la Landaj Protestantaj tagoj okazintaj en Budapest estis oficiale anoncita en la programo sur la stratafiŝoj, gazetoj kaj invitiloj la kunveno de Kristana Esperantista Ligo, kiu okazis la 31-an de Oktobro antaŭtagmeze en la studenta societo Soli Deo Gloria. P. Balkányi salutis en nomo de IEL kaj KELI. *L Farkas* detale konigis la evangelian rolon de Esperanto. Universitata prof. d-ro *Stefano Nyireö,* kiu fariĝis nova gvidanto de la hungara KELI-movado, pritraktis la sekvontajn labormetodojn.

Dum kunsido de HES oni ĝoje akceptis la invitleteron de redaktisto de Internacia Kulturo, ke ankaŭ hungaroj partoprenu en tiu ĉi bela revuo. *P. B.*

# VIZITU AMASE LA BERNAN KONGRESON

La Loka Kongresa Komitato fiksis diversajn aranĝojn de la restado kaj la nutrado kune por la tuta tempo de la 26-a de Julio ĝis la 2-a de Aŭgusto. La aranĝoj konsistas el: ĉambro, matenmanĝo, tagmanĝo, vespermanĝo kaj trinkmono kaj ĉe la hoteloj ankaŭ transporto de la pakaĵoj.

*A. Hotelĉambroj:*

Kategorio I. Luksa klaso por 8 tagoj. Prezo — 205 sv. fr.
Kategorio II. Komforta klaso por 8 tagoj. Prezo — 155 sv. fr.
Kategorio III. Modesta klaso por 8 tagoj. Prezo — 130 sv. fr.

*B. Ĉambroj ĉe privatuloj:*

Krom la hotelĉambroj, LLK disponos pri kelkaj cent ĉambroj ĉe privatuloj. Ankaŭ ĉi tie LLK estas devigata fiksi kolektivan prezon, kiu valoras por 8 tagoj. En tiu prezo estas enkalkulita: ĉambro, maten-, tag- kaj vespermanĝoj. Multaj tre bonaj bernaj restoracioj estos je la dispono laŭ deziro kaj elekto.

La prezo de tiu aranĝo estos 120 sv. fr.

*C. Amas-restejo:*

Je dispono de la kongresanoj estos plur-centoj da litoj en lernejoj kaj kazernoj. Rilate la nutradon troviĝas du solvoj:

Kategorio I. Restejo kiel skribite kun servado kaj nutrado en bona berna restoracio laŭ propra elekto (maten-, tag- kaj vespermanĝoj). Tuta prezo 110 sv. fr.

Kategorio II. La sama kiel supre rilate la restejon, sed pli modesta nutrado troviĝas en similaj restoracioj. Tuta prezo 85 sv. fr.

Ni devas atentigi, ke ne nur por la privataj ĉambroj, sed ankaŭ por la amas-restejo la baldaŭa mendo estas tre necesa kaj la samtempa pago de la tuta monsumo al iu banko por la konto de la 32-a Universala Kongreso de Esperanto 1947 en Berno per la Schweiz. Volksbank en Berno.

LKK povas garantii bonan restadon nur de kongresano kiu sekvos la instrukciojn. Ĝi petas vin, kiel eble plej frutempe decidi vin pri la aliĝo, ĉar en multaj landoj troviĝas deviz-malfacilaĵoj kaj pro tio klopodu havigi al vi tuj la necesajn deviz-permesojn, se tio estas necesa en via lando.

*D. Tendkampo:*

Ĉe Bern troviĝas bela kaj bona tendkampo, nur 2 km de la kongresejo en Eichholz. *Por eksterlanduloj ĝi estas tute senpaga.* Eble troviĝos kelkaj tendoj por tiuj, kiuj ne povus kunporti tendon. Luprezo 1 sv. fr. po nokto.




NOVA KUNBATALANTO

Kun sincera frata ĝojo ni renkontas la aperon de n-ro 1 de la bulteno de **Kroatia Esperanto-Ligo.** La unua numero impresas bonege: redaktata ekskluzive en bonstila Esperanto, kun mallongaj interesaj sciigoj pri aktualaĵoj okazintaj en- kaj eksterlande.

Ni ne dubas, ke tiuĉi bulteno evoluos en organon de la integra jugoslavia movado.

Ĉi sube ni citas parton de la ĉefartikolo, skribita de nia eminenta s-ano Lapenna:

Jam komenciĝis. Ĉie en la mondo malfermiĝas novaj kursoj. La malnovaj geesperantistoj rekolektiĝas en siaj societoj kaj grupoj. En la gazetoj de diversaj landoj aperas ĉiam pli da artikoloj pri la internacia lingvo. Ĝi denove gajnas siajn poziciojn en la radio kaj en aliaj aferoj de internacia vivo. Novaj verkoj publikiĝas. Grandiĝas de tago al tago la nombro de niaj gazetoj kaj revuoj. Ĉie sentiĝas dinamiko sur la kampo de internacia lingvo. La faŝistaj banditoj vere ne sukcesis ĝin detrui. El sub la ruinoj leviĝas iom post iom la kulturaj valoroj de l' homaro. Inter ili nia lingvo havas elstaran pozicion. Ĝia graveco fariĝas jam evidenta. Tio montriĝas dum internaciaj kongresoj kaj konferencoj. Tion scias la vojaĝanto tra fremdaj landoj. Tion sentas ĉiu klera homo. Tion hodiaŭ konfesas eĉ la personoj ĝis hieraŭ malamike rilatantaj al la internacia lingvo. La perspektivoj por Esperanto pliboniĝas!

En nia lando ni geesperantistoj ne postrestis. La fundamentoj de la movado estas restarigitaj. Nun oni devas plue konstruadi. Insiste kaj oferemel Krome: laŭ unueca plano!

La artikolo konkludas vokante:

Firme kunligitaj, serene rigardante en la estontecon — antaŭen! Antaŭen por la internacia lingvo! Antaŭen por la internacia lingvo al plifirmigo de la kulturaj rilatoj inter ĉiuj vere demokrataj forto de la mondo.



### ATENTIGO

La rakonto „Okuloj" de Ŝandor Gergely, kiun ni publikigis en unu el la pasintjaraj numeroj de nia gazeto, aperis en bulgara traduko en la plej granda bulgara ĉiutaga gazeto „Rabotniĉesko Delo".

Ni atentigas niajn legantojn, ke la rakontoj de Gergely estas tradukeblaj de Esperanto en nacian lingvon nur kun la permeso de la aŭtoro.

# INTERNACIA KULTURO

• KULTURA REVUO DE BALKANLANDAJ ESPERANTO-ASOCIOJ •

A B O N O: por 16 n-roj — 500 L E V O J

Redakta komitato: Ĉefredaktoro: ASSEN GRIGOROV

BULGARIO: Nikola Aleksiev, prof. Petr. Dinekov, prof. d-ro Stojan Ĝuĝev, Simeon Hesapĉiev, Vitali Julzari, Ivan Sarafov.

JUGOSLAVIO: Marko Demetroviĉ, Joje Kozlevĉar, d-ro Ivo Lapena

RUMANIO: Jon Bunesku, Petre Firu, St. Freamat, K. Pellman Josif Petrin, inĝ. E. Rodan, Simeon Zal.

Adreso: str. „G R A F I G N A T I E V" 2, Sofia — BULGARIO


*Redaktora Leterkesto*

## AL UNU AŬSTRA SAMIDEANO

Ni ne presigos vian interesan priskribon pri la Standardo de la Libereco. Ni ne ĝin presigos nur pro la suspekto, ke vi ĝin sendis por presigo samtempe al kelkaj gazetoj.

Plurfoje samideanoj sendas artikolojn, sciigojn, ja eĉ literaturaĵojn — poemojn, prozaĵojn ktp. *samtempe al pli ol unu redakcio,* por tiel diri cirkulermaniere, kun la evidenta deziro vidi siajn verkojn presitaj en kelkaj gazetoj samtempe. Verŝajne ili timas, ke iu esperantisto povus hazarde ne legi ilian kreaĵon!

Sed, se en pluraj gazetoj aperus la samaj materialoj, estus neniu senco eldoni samtempe kelkajn periodaĵojn. Ili proponus al la legantaro pli malpli la saman enhavon. Ĝi estus malŝparo de fortoj, mono, papero, tempo.

Nature, escepton faras la informoj de ĝenerala intereso: sciigoj pri okazonta kongreso, informo pri radioprogramo, pli grava evento okazinta en la movado.

Do, kara samideano, ni atendos vian certigon, ke vi ne sendis la materialon al alia frata gazeto, kaj tiam ni volonte presigos ĝin. *Okulvitro*

# Kroniko

***La redakcio*** de „Internacia Kulturo" kore gratulas al ĉiuj abonantoj kaj legantoj la Novjaron kaj al la kristanaj samideanoj — ankaŭ la festotagon de la Kristnasko.

Ĝi bondeziras sanon, fortojn fizikajn kaj moralajn kaj pluajn sukcesojn sur la kampo de internacia korespondado kaj kunlaborado, kiu grave akcelos la firmigon de la demokrata solidareco interpopola kaj la konstruadon de la paco internacia.

***Realiĝu al IEL*** por la jaro 1947, pagante la membro- kaj abonkotizon de **700** levoj. Ĉiu membro-abonanto ricevos: a) membrokarton kaj servokuponaron; b) jarlibron; c) 12 n-rojn de la gazeto, kies formato ek de Januaro estos pligrandigata al 25 x 18·5 cm.

Abonkotizon akceptas *Bulgara Esperanto-Asocio,* Sofio, Gr. Ignatiev 2. Monon sendu per poŝtĉeka konto 1133.

***Literatura Mondo,*** la fama literatura gazeto, denove aperos ek de Februaro 1947, sub la ĉefredaktoreco de *Kalomano Kalocsay,* eminenta hungara samideano. Formato 29 x 20·5 cm. Amplekso 16 paĝoj po monate.

Provizore la revuo aperos en ĉiu dua monato en ***duobla amplekso.*** Jara abono kostas 2·50 USA-dolarojn aŭ egalvaloron en landa mono. Bulgaraj samideanoj abonu, pagante **700** levojn al *Bulgara Esperanto-Asocio,* str. Graf Ignatiev 2, Sofio.

***Laŭ sciigo*** de „Bulteno de Kroatia Esperanto-Ligo", ***Internacia Virina Ligo*** akceptis rezolucion, laŭ kiu ĝi sugestas, ke Esperanto estu enkondukita en ĉiujn lernejojn de la membroj de UNO (Organizacio de la Unuigitaj Nacioj) kiel egalranga lernobjekto.

***La Esperanto-Ligo*** en Ĉunkino (Ĉinlando) organizis korespondajn kursojn de Esperanto dum la militjaroj. Partoprenis pli ol 2.000 personoj.

***Nia agema samideano Georgi Dimov,*** el Varna, fariĝis profesora asistanto ĉe la loka universitato. La redakcio de „Internacia Kulturo" gratulas!

***IEL ne plu akceptas*** membro-abonantojn por la dua semestro 1946, ĉar la antaŭvidita nombro estis superita kaj la tuta kvanto de „Esperanto Internacia", organo de IEL, elĉerpiĝis.

***La Gvidkomitato*** de la Asocio de bulgaraj Fervojistoj kaj Maristoj okazigis specialan konferencon pri starigo de fakoj por internaciaj rilatoj. Post raporto de s-ano ***Assen Grigorov,*** membro de CK de Bulgara Esperanto-Asocio, oni akceptis Esperanton kiel oficialan lingvon ĉe la internacia korespondado de fervojistaj sindikatoj. Kiel organizanto estis nomita s-ano ***Petro Lilkov.***

***Ankaŭ en la Poŝtista Sindikato*** en Sofio okazis konferenco de Samideanoj. Partoprenis 14 reprezentantoj de la diversaj fakoj. Raportis s-ano ***As. Grigorov,*** post kio estis fondita Poŝtista Esperanto-Sekcio, kun sekretario s-ano ***Simeon Prisadaŝki.***